Tria jaro. — N° 14 Novembro 1913.

# FERVOJA ESPERANTISTO

MONATA GAZETO

Organo de INTERNACIA ASOCIO DE LA ESPERANTISTAJ FERVOJISTOJ

| | | |
|---|---|---|
| Jara abono : $S 1.<br>Unu N° : $S 0,2<br>Anoncoj : 1 paĝo : $S 5 ;<br>1/2 paĝo : $S 3 ;<br>1/4 paĝo : $S 2. | REDAKCIO<br>S-roj Berlande, G. Chilot kaj Givord, 3, r. Richard-Lenoir Paris<br>Administrantaj Redaktoroj<br>Sekretario : S-ro Alfred Petzold<br>Scharnhorststr. 43 I, Leipzig<br>Prezidanto : S-ro P. Tarnow<br>Schwanenweg 18, Kiel, (Germanujo). | Ĉiujn manuskriptojn, abonmendojn, anoncojn, k.t.p., adresu al S-ro BERLANDE aŭ al S-ro GEORGE CHILOT, ambaŭ en *Villeneuve-St-Georges (Francujo).*<br>La redakcio rezervas al si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn. — Artikolojn ne akceptitajn oni ne povas resendi. |


## Adresŝanĝo.

Albert Huguet, route Saint Jean à Saintes (Charente-Inférieure, Francujo).

## NOVA ABONANTO

S-ro D-ro August Hlonga, fervojkoncipisto, Semperstr. 36, Wien, XVIII, Aŭstrio.

## LA BERNA KONGRESO

### UNUA KUNSIDO

Bern la 25-an de Aŭgusto 1913.

En la unua fakkunsido de la « Internacia Asocio de la Esperantistaj Fervojistoj » ĉeestas la 8 sinjoroj kies nomoj sekvas kaj kiel gasto S-ro poŝtinspektoro Reber el Bamberg, Szymanowski, Aussenac, Blazêk, Rusterholz, F. E. abonantoj kaj I. A. E. F. anoj, kaj Strub, Elbel, Dressler, Hechtl kiuj ne ankoraŭ abonis.

La vicprezidanto S-ro Szymanowski el Bromberg malfermas la kunsidon kaj legas la jarraporton faritan de S-ro Petzold el Leipzig, Scharnhorststr. 43 I. El la raporto estas nomindaj :

1) La nuna estraro konsistas el :

*a)* S-ro Tarnow, registrara konstruestro en Kiel, prezidanto.

*b)* S-ro Szymanowski, supera sekretario teknika en Bamberg, vicprezidanto.

*c)* S-ro Petzold, fervoja asistanto en Leipzig, sekretario.

*d)* S-ro Engst, fervoja asistanto en Dresden.

Redaktoroj de nia faka gazeto estas S-roj Berlande kaj Chilot, en Villeneuve St-Georges, apud Paris.

2) Je la komenco de tiu ĉi jaro (post la Krakova kongreso) ni estis 214 membroj. Intertempe aliĝis ĝis nun 13 personoj, do nia asocio entute havas 227 membrojn.

3) La korespondado, kiun devas plenumi la sekretario kaŭzas tro multe da laboro, ĉar mankas presaĵoj, kiuj signifas la celon k. t. p. de nia asocio.

4) La jarkotizo ĝis nun estas, *sen* gazeto o Sm. 5. La gazeto kostas 1 Spesmilon pojare.

Por plibonigi la staton de nia gazeto estas rekomendinda, ke ni estonte postulas de ĉiu membro 1 Sm. 500 kune kun la gazetprezo.

5) Ĉar S-ro Chilot (1) ne ĉeestas kaj ankaŭ ne sendis kasraporton, ni devas prokrasti la diskuton pri ĝi ĝis la mondkongreso 1914.

6) Intertempe, S-ro Engst memorigos tuj la membrojn, kiuj ne legas la gazeton kaj kiuj ĝis nun ne pagis. La aliajn devas memorigi S-ro Chilot.

7) S-ro Petzold estas preta aldoni provizoran liston pri jam aperintaj fakartikoloj.

Kolego en Svedujo verkis 16 paĝan libreton :

« La internacia fervoja transportado » kaj metas ĝin je la dispono de nia Asocio.

Ĉar tia libro mankas en la Esperantista literaturo ĝi povas fariĝi bona propagandilo por nia asocio, sed bedaŭrinde la necesa mono por la eldono mankas.

8) Multaj kolegoj deziras interŝanĝi poŝtkartojn de ĉiuj specoj, fervojaj konstruaĵoj, kaj korespondadi kun kolegoj.

---

(1) Laŭ la oficiala programo nur unu kunsido estis anoncita kaj fiksita je la 29-a de Aŭgusto.



La publikigo de la kunvenaj adresoj en nia gazeto estas dezirata.

9) Regularo ĝis nun ne ekzistas.

10) S-ro Szymanowski verkis alvokon por aliĝo al I. A. E.F. per kio ni gajnis kelkajn novajn membrojn.

11) Estas dezirinde, ke nia fakgazeto nur represu fakartikolojn.

15) Ĉar la gazeto ne aperas sufiĉe regule kaj ne estas sufiĉe ampleksa, estas urĝe necese, ke la sekretario tuj sendu multobligitan cirkuleron al ĉiuj membroj. Fervoraj membroj bonvolu siaflanke zorgi por nova multobligo kaj disdonado al aliaj fervojistoj. Ĉar nia asocio estas entrepreno de U. E. A. represo en « Esperanto » ankaŭ estas dezirita.

13) Speciala vortareto eldonita en nia faka gazeto jam komencis. Daŭrigo estas dezirata.

14) Nia membrolisto estas pretigita kaj povas esti multobligata kaj forsendata al ĉiuj membroj.

15) Kiel tagordon en Bern, ni rekomendas :

1-e Jarrapporto.

2-e Elekto de la estraro.

3-e Pridiskuto de la raportpunktoj.

4-e Diversaĵoj, demandoj, plendoj kaj proponoj.

Ĉar S-ro Szymanowski nur ricevis hodiaŭ la necesan materialon, li promesas doni ĝis la proksima kunsido klaran bildon pri nia fakorganizado kaj fermas la kunsidon.

SZYMANOWSKI.

## DUA KUNSIDO

Bern, la 29-an de Aŭgusto.

Dua faka kunsido de la Esperantistoj fervojistaj. Ĉeestas 6 fervojistoj, S-roj George Chilot, Johano Perriard, Szymanowski, Aussenac, F. E. abonintoj, kaj Hechtl kaj Dressler ne abonintoj, kaj nekonata gasto kiu dormegis.

S-ro Szymanowski malfermas la kunsidon salutante la ĉeestantojn.

La protokolo de la unua kunsido estas aprobata post legado.

Kiel sekretarion por la hodiaŭa protokolo oni elektas S-ron Aussenac.

La ĉeestantoj dankas al S-roj Tarnow kaj Petzold por la laboroj faritaj.

Ĉar S-ro Tarnow pro troa laboro ne plu deziras la prezidantecon, la ĉeestantoj unuanime ne akceptas lian eksiĝon kaj petas lin daŭrigi ĝis la venonta jaro, helpata de S-ro Szymanowski, kiu promesas fari grandan parton de la laboro.

Pri la 3-a punkto de la unua protokolo oni decidas, ke la propagandiloj estos presitaj hektografie kaj ke la sekretario ricevos de la kasisto la necesan monon.

La jara kotizaĵo estas de la 1914-a pojare 1 Sm. 500, enkalkulanta la prezon de la gazeto, senpage sendota al ĉiu ano.

Laŭ la kasraporto, intertempe ricevita, la sumo de la enspezoj estas: 260, 15
La elspezoj : 240, 65
Do en la kaso restas : 19, 50

Pri la enkasigo S-ro Aussenac proponas, ke post 6 monatoj proksimume en Aŭgusto aŭ Septembro oni transsendu poŝte al la ne ankoraŭ pagintaj anoj poŝtmandaton enkasigan. Oni unuanime akceptas, kondiĉe ke S-roj Chilot kaj Engst interkonsentu pro la sendado de la poŝtmandato.

Koncerne la regularon oni interkonsentas, ke nune oni ne bezonas nek regularon, nek komisionon studontan la aferon, Oni deziras, ke la estraro studu nur pri la malgranda regularo prezentota al la venonta kongreso.

S-ro Chilot legas sian raporton pri la gazeto kaj atentigas la membraron, ke li ne ricevas sufiĉe da abonmendoj por la gazeto.

S-ro Aussenac proponas, ke ni enpresigu gravajn fervojajn okazintaĵojn. Akceptite. Oni decidas enpresigi en la gazeton la liston de la tutaj jam aliĝintaj membroj.

Ĉiu, kiu estas kapabla partopreni la studadon de la vortaro estas petata labori pri tio, interkonsente kun S-ro Bal, el Breda en Nederlando.



Oni deziras, ke ĉiu nacio elektu komitatanon, kiu devas esti tute sendependa membro de la administracio.

Salutleteroj de S-ro Tarnow, Ignatz Hoch, Schwandorf kaj S-ro Berlande estas legataj. Oni sendos dankojn al ili.

*La Sekretario de la Kunsido:*

AUSSENAC.

---

## Berna Internacia Kontrakto pri la Fervojaj transportaĵoj (Sekvo).

### Artikolo VI-a.

1-e Ĉiu internacia sendaĵo (artikolo I-a) devas esti akompanata de ŝarĝatesto, kiu enhavas jenajn citojn :

*a)* La lokon kaj la daton de la skribado;

*b)* La nomon de la forsendonta stacio kaj de la forsendonta fervoja administracio;

*c)* La nomon de la akceptonta stacio, la nomon kaj la loĝejon de la akceptanto, kaj la eventualan citon, ke la komercaĵo estas konservota en la fervoja pakaĵhalo;

*d)* La nomon de la sendaĵo laŭ ĝia enhavo, la citon de la pezo aŭ anstataŭ tiun citon, kiu estas konforma al la specialaj difinoj de la forsendonta fervoja administracio; krom tio okaze de la forsendo de poparta pakaĵo la nombron, manieron de la pakado, signojn kaj numerojn de la komercaĵoj;

*e)* La postulon de la forsendonto, ke oni uzu specialajn tarifojn sub la kondiĉoj allaseblaj laŭ la artikoloj XIV-a kaj XXXV-a.

*f)* La citon pri la intereso deklarita rilate al la livero (artikolo XXXIII-a kaj XL-a.

*g)* La citon ĉu la komercaĵo estu transportota rapidire aŭ malrapidire.

*h)* La precizan tabelon de la paperoj bezonataj por la dogana- aŭ impostofica prilaborado aŭ por la polica ekzameno kaj la rezervon rezultantan el la artikolo X-a alineo (4-a).

*(Daŭrigota).*

**Provo por tradukado** (en Esperanton) de la 3-lingvaj esprimoj en «Abbildungsheft der gebräuchlichsten Arten von Gepäckstücken. «(Eldonita de la Verein Deutscher Eisenbahnverwaltungen)». Bildkajero de la plej uzataj specoj pri pakaĵiloj.

1. Rohrplattenkoffer (auch aus anderem Material, wie Holz, Vulkanfiber, Pappe) — malles placage et joncs (de bois vulcanfibre ou carton) — cane-trunks (also of vulcanfibre/compressed fibre/, wood or cardboard) — kanflankaj kofroj (konsistanta ankaŭ el alia materialo, kiel ligno, vulkanfibro, kartono).

2. Schrankkoffer — malles-armoires — wardrobe-trunks — ŝrankkofroj.

3. Holzkoffer — malles de bois — wooden-trunks — lignokofroj.

4. Lederkoffer — (auch aus Segeltuch oder Pappe) — malles de cuir (de toile ou valises en carton) — (solid) leater-trunks (of canvas or cardboard) — ledkofroj (ankaŭ el veltuko aŭ kartono.

5. Handkoffer und -taschen, Coupékoffer — valises, sacs de voyage (sacs à main ou sacoches), porte-habits — bag, suitcase, City-bag, Gladstone-bag, Kit-bag, — mankofroj kaj kupeokofroj.

6. Reisekörbe — malles en osier — wiecer (dress-) baskets — vojaĝkorboj.

7. Musterkoffer — malles échantillons de commis-voyageurs — sample-trunks — kofroj por komercaĵoj, komerckofroj, specimenkofroj.

8. Verschiedenes: Plaidhüllen usw., Hutschachteln, Wäschesäcke, Rucksäcke, Schirmfutterale — objets divers : boîtes à chapeaux, sacs de linge, sacs-touristes, étuis à parapluies — divers objets: hold-all, bonnet-boxes, hat-cases, laundry-bags, knapsacks, umbrella-cases — diversaĵoj : ŝtofkovriloj, mantelkovriloj, k.t.p. ĉapelskatoloj, tolaĵsakoj, turistaj sakoj, ombrelkovriloj.

Rimarko : La vico de la tradukado estas jena : germane france, angle, kaj esperante. Oni kritiku *ĉiujn* tradukojn, faru proponojn por la mankantaj tradukoj Esperantaj kaj sendu ilin al S-ro A. Petzold, 43 I. Scharnhorststrasse, Leipzig.



# Torfa pulvoro por hejtado de lokomotivoj.

*(Daŭrigo).*

---

La lokomotivo uzita por la provoj estis maŝino okoble kuplita por malrapidaj vagonaroj kun la tendro 27 tunojn peza, kun 561 qm. hejtareo, 14 qm. plivarmegilo de Ŝmid 1,1 qm. kradareo kaj 32 klm. de plejrapideco. Pro uzo de la torfa pulvoro oni estis devigita enkonstrui apartajn instalaĵojn, sed kiuj nuntempe ankoraŭ estas tenataj en sekreto, ĉar la « Metala Verkstad » kiu fabrikas la instalaĵojn, ne permesas publikon antaŭ finigo de la afero pri la patento. Oni nur povas diri, ke la hejtado estas aŭtomata kaj ke oni povas enkonstrui ilin en la ekzistantajn kaldronojn de la lokomotivoj ne transformante ilin. La supre priskribita maŝino trakuris de tiu tempo proksimume 5000 km. en regula funkciado sen malfunkciadoj, kaj kaŭze de ĉi tiuj provoj rezultis, ke la instalaĵoj estas tute sendanĝeraj. La provo, kiel oni povas imagi, ankaŭ montris, ke pluaj simpligoj kaj plibonigoj estas fareblaj. La rezultintajn spertojn oni ankaŭ volas uzi por du konstruotaj hejtinstalaĵoj de du aliaj privataj fervojaj administraroj.

La provoj okazis sub la kontrolo de maŝininspektoro Stahle de la reĝa voj- kaj akvokonstruaĵa direkcio, sur la linioj Rimbo-Häfverösund kaj Rimbo-Täby tiamaniere, ke la lokomotivo havante la saman fervojhoraron kaj la saman ŝarĝon de la vagonaro estis hejtata la 22-23-an de Januaro per torfa pulvoro kaj la 22-24-an de Februaro per bonaj ŝtonkarboj. La torfa pulvoro estis liverita de la A. B. torffabrikoj en Bäck kaj fabrikita laŭ la metodo de leŭtenanto Ecklund. Malsamaj estis la temperaturoj dum la provaj veturadoj; ili estis dum la prova veturado pri torfa pulvoro 1-6° kaj-18°. Oni estis esperinta havi tagon kun simila temperaturo pri ŝtonkarboj. Sed tia malalta temperaturo ne okazis pli kaj pro tio la prova veturado pri ŝtonkarboj okazis dum temperaturo de-8°. La cirkonstancoj sekve de tio estis certe multe malfavoraj por la torfa pulvoro. La komparaj provoj, fine okazintaj kri torfa pulvoro kaj ŝtonkarboj kiel brulaĵoj por lokomotivoj donis i. a. jenon :

La atmosferoj tenis sin tre simile, kaj precipe sur linioj kun homogena klinaĵo la premo dum la hejtado per torfa pulvoro estis ĉiam 11,8 kg. La plivarmegigo esti dum la hejtado per torfa pulvoro rimarkinde pli alta ol dum la hejtado per ŝtonkarboj, evidente kaŭze de la pli longa flamformiĝo dum la hejtado de torfa pulvoro. Estas rimarkinde, ke la temperaturo de la foririntaj fumgazoj estis pli malaltaj dum la uzo de torfa pulvoro ol dum tiu de ŝtonkarboj (310°-320° C. kontraŭ 340°-360° C.) Plue oni konstatis dum la provado, ke fumo kaj fajrero ne okazis dum la hejtado de torfa pulvoro, pro la preskaŭ tuta fajrokonsumiĝo precipe kontraŭe de la uzo de torfpecoj. Post finita provado la hejtareo de la vaporkaldrono estis ekzamenata kaj oni trovis ĝin tute libera de fulgo kaj inkrustaĵo. La ekspluato de la torfa pulvoro estas kompare al la ŝtonkarboj kiel 1 : 1 1/3, dum la sama komparo pri torfpecoj donis la rilaton 1 : 2. Oni povas bruligi pulvoron almetante cirkaŭ 5 o/o de ŝtonkarboj.

*(Daŭrigota).* REUSS, el Regensburg.

KOMBISTO POR GESINJOROJ

*Specialeco de Harkapornamoj*

**HECTOR LEDOUX, 12, rue St-Placide, Paris**

**Apud de magazenoj AU BON MARCHÉ**

Hotelo rekomendinda al Esperantistoj.

**GRAND HOTEL DU GLOBE**

**71, rue Monge, Paris**

**LA ONDO DE ESPERANTO**

MONATA ILUSTRITA REVUO

**Ĉiu abonanto de la jaro 1914, krom 12 n-roj de l'gazeto, — ricevos *donace* belan Esper. libron :**

**Esperanta Poŝkalendaro por la jaro 1914.**

La abonpagon (2 rubl.=2, 120 Sm.) oni sendu al Librejo « Esperanto » (Moskvo, Lubjanskij projezd, 3, Ruslando).

Centra Presejo Esperantista, V. Polgar, 33, rue Lacépède, Paris.

*Le gérant :* A. BERLANDE.